# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika" (Ika), de „Mondjunularo Katolika" (Moka), de „Internacia Katolika Esperanto Oficejo" (IKEO) kaj de „Blanka Kruco" (Internacia misio katolika)



Numero 10. 1922 | I. Jarkolekto 1921/22

# La politika tasko internacia de la katolikaro.

La tagoj de Ĝenovo finiĝis. La internacia parlamento klopodis plej energie solvi urĝajn demandojn de la tuteŭropa politiko. Admirinda teatraĵo tutmonda. La ĉefa problemo tie estis la giganta batalo inter du ideoj, inter du sistemoj de la venonta epoko: ĉu repaciga politiko, ĉu perforta milito estu la signo de la estonta tempo. Kiun vojon elektu la katolikaro? Nenia dubo! Ĉar nia glora Papo ja montris al ni la vere kristanan metodon. En tre kriza momento, kiam la tuta konferenco ŝajnis malsukcesi, li eklevis sian zorgoplenan patran voĉon, admonante la ŝtatestrojn kaj popolojn, ke ili serĉu la vojon de kristana paco.

Ĉu la katolikaro aŭdis ĉi tiun voĉon? Ĉu ĝi komprenis la gravecon de tiu paŝo? Ĉu ĝi tiras la necesajn konsekvencojn por l' estonto?

Gravaj demandoj! Sendube taŭga okazo, ke ni serioze esploru la konsciencon, ke ni diligente studu la demandon: ĉu la katolikaro nuntempa ĉie kaj ĉiam plenumis sian gravan taskon sur la kampo de la tutmonda politiko?

Politiko estas vorto, kiu ofte ektimigas eĉ bonvolajn internaciemojn, kiuj opinias, ke la moderna politiko nur disigas la homojn kaj la naciojn, eĉ la katolikajn fratojn. Laŭ ilia penso, Ika plej zorgeme evitu pritrakti politikajn demandojn. Bone ni komprenas la zorgojn de tiuj amikoj. Tamen oni diferencu diligente! Ne la politiko per si mem disigas la naciojn. Tute ne! Nur la malbona, la malĝusta politiko, la nacia egoismo, la ŝovinismo, kiun tre seriozaj kristanoj nomas grandan herezon de la moderna tempo. Al ĉi tiu nekristana kaj funesta metodo moderna ni nepre devas kontraŭstarigi la „katolikan" politikon, kiu estas bazata sur la eternaj fundamentoj de la katolika religio. Ĉar la instruo de Jesuo Kristo ne estas ĉifono de papero, kies enhavon oni nur lernu parkere por ne plenumi ĝin praktike. La sankta evangelio estas universala kaj ĉiondeviga postulo, kiu nepre devas esti realigata senkompromise en la tuta vivo, do ankaŭ sur la kampo de la tutmonda politiko. Kaj la sankta doktrino de nia eklezio diras, ke ĉiuj homoj, kiel infanoj de unu sama ĉiela patro, estas tutmonda popolfamilio; ĝi diras, ke la kristanoj, la katolikoj havas la sanktan misian taskon, realigi la principojn de la Dia regno surtera en la tuta mondo kaj en ĉiuj rilatoj, do ankaŭ en la internacia kunvivo de la popoloj, ĝi diras: amu vian proksimulon kiel vin mem . . . amu vian malamikon! Do la justeco universala kaj la amo ĉionampleksa devas esti la komuna fundamento de vere katolika mondpolitiko. Tiuspeca fundamento ne disigas, sed kunigas al praktika sukceso.

Do estas natura konsekvenco de praktikata kristanismo, ke la katolikoj klopodu ankaŭ en la internacia vivo realigi la sanktajn postulojn de la Evangelio; ke ili praktike kunlaboru en la justa solvo de la internaciaj politikaj problemoj, ke ili por tiu alta celo internacie organizu siajn fortojn politikajn laŭ la bezonoj de la moderna tempo kaj tio, por ke estu vive realigata la Dia regno sur la tero.

Per tiu granda misia tasko de l' katolikaro sur la politika teritorio, la agadmaniero de Ika estas klare fiksita:

Ika ne estas politika movado. Ho ne! Ĝi politike estas sendependa kaj neŭtrala (se oni volas uzi ĉi tiun vorton), same kiel l. Apostola Seĝo politike estas „neŭtrala"; ĉar Ika ne konas diferencon inter rasoj kaj lingvoj, inter klasoj kaj partioj. Por ĝi nur ekzistas katolikoj kaj katolika politiko internacia sur la fundamento de justeco kaj amo. Kompreneble kiel internacia katolika movado ĝi havas plej grandan intereson, ke la katolikaj principoj estu realigataj ankaŭ en la interŝtataj rilatoj tutmondaj; ĝi havas plej grandan intereson, ke la katolikoj sukcese kolektu internacie ankaŭ la politikajn fortojn, ke ili trovu taŭgajn ilojn por realigi fruktoriĉan kunagadon. La internacia politika organizigo mem unue estas la tasko de la katolikaj politikistoj kaj deputatoj. Ika estonte kiel estinte kore salutas kaj laŭpove subtenas la tiucelajn klopodojn kaj ĝoje ni povas sciigi, ke ĝi estas en plej amika interrilato kun la koncernaj klopodoj. Reciproka kunhelpo en ĝusta tempo do ne estas duba.

## La praktika organizigo de la katolikaj fortoj sur la internacia politika kampo.

La internacia kunlaborado de la katolikoj sur politika kampo estas natura konsekvenco de la universala misia tasko de l' eklezio. Kaj precipe la moderna tempo postulas tiucelan agadon. Pripensu nur! La kontraŭuloj de la katolika religio, precipe la framasonaro depost pluraj centjaroj havas plej influan organizacion internacian, kiu precipe sur politika kampo, per la gazetoj kaj parlamentoj, realigas siajn funestajn celojn. Kaj la ruĝa internacio, kvankam momente disigita en pluraj malamikaj sekcioj, tamen estas internacia forto politika, kiu per siaj amasoj hodiaŭ havas decidan influon en la internacia politiko. En Ĝenovo unuafoje komunista registaro estas rekonata kiel samrajtigita membro de la popolfamilio . . .

Kaj ni katolikoj? Kie estas la katolika internacia agado politika? Kiam Benedikto XV, la granda papo de l' paco, dum kaj post la milito senlace petegis la popolojn, forlasi la vojojn de perforto kaj realigi la principojn de kristana paco, kie estis la katolikoj? Kaj nun la nova papo denove predikas al la homaro la evangelion de kristana paco. Kie nun estas la katolikoj? . . .

Pesimistoj ofte diras: ĉesu, ĉesu! Vi neniam sukcesos. Mi nur demandas tiujn: Ĉu ne estus abomena honto, se ni katolikoj ne sukcesus en tio, kion kontraŭuloj jam delonge kaj plejparte kun bona sukceso realigas. Malsukceso daŭra estus kvazaŭ bankroto de l' kristanismo.

Sendube neniu realista observisto de la tutmonda vivo katolika neos, ke la malfacilaĵoj por efika kreo de internacia kunlaborado sur politika kampo nuntempe estas grandegaj. Mi nur memoras kelkajn:

En multaj ŝtatoj ne ekzistas hodiaŭ nacia organizo politika de la katolikoj. Tiu fakto multe malhelpas unuecan kunlaboradon. Ĉar estas malfacile aligi la katolikojn de tia lando al efika organizo internacia. Malgranda bildo de politika organizigo katolika en kelkaj ŝtatoj — kiu samtempe montras la katolikajn fortojn politikajn en la mondo — pruvu tion:

Italujo: Partito popolari: 106 deputatoj, 8 senatanoj; proporcio: Katolikaj deputatoj 106, aliaj 510.

Belgujo: Partis Catholique: 81 deputatoj, 44 senatanoj; proporcio: parlamento 81 : 186; senato 44 : 93; entute 125 : 278.

---

## Graco atendanta.

Biblia rakonto de A. v. Krane. 4

(Fino.)

„Kredu al mi, virino, venos la horo, kiam vi nek sur ĉi tiu monto nek en Jerusalemo adoros la Patron. Vi adoradas kion vi ne konos, sed ni adoras, kion ni konas. Ĉar el la Judoj venas la savo. Sed venos la horo — kaj jam estas — kiam la veraj adorantoj adoros la Patron en spirito kaj vero. Dio estas spirito. Kaj liaj adorantoj devas lin adori en spirito kaj vero."

Reĝa respondo! Sed pli — Dia respondo. — La virino kvazaŭ rigidiĝas pro la grandeco, kiu malkaŝas sin lumklare antaŭ ŝiaj okuloj. Ŝi, la malestimata Samarianino estas indigita aŭdi tiom grandiozajn verojn. Sed Dio plejofte elektas la plej malgravan ilon por siaj celoj. Ĉi tiu virino estas elektita, ĉar ŝi estas fidela en tiu unu, ke ŝi ne volas malpligrandigi siajn pekojn, ke ŝi obeeme sin donas al la pli bona ekkono kaj konfesas: mi estas pekinta. Nenion alian ŝi deziras ol obei la pli altan direktadon. Tial leviĝas en ŝia animo iom post iom la suno de l' vero. Kaj ĉi tiu suno lumigadas paradizon tiom mirindan, ke la grac-favorita tute ne kuraĝas ĝin rigardi, sed nur timeme kaj hezitante, kvazaŭ blindigite per troa brilego diras: „Mi scias, ke venos la Mesio, kiu estas nomata la Kristo. Kiam li venos, li sciigos ĉion al ni."

Ĝis tien ŝi estas veninta. Nun superŝutas ŝin la suno de l' graco je plena lumo per unu vorto de la fremdulo. Li diras, dum ŝi malarbitre fleksas la genuojn: „Mi estas la Mesio, mi, kiu parolas kun vi."

Post tio ekiĝas profunda silento. Tiom granda silento, ke oni malsupre en la profundo aŭdas la akvon klukante murmurantan. Ĉar en la cirkaŭaĵo de tiu, kiu diris tian vorton, nenio en la naturo kuraĝas sin movi. Eĉ la kantado de griloj subite silentiĝas. Kaj super la Garicimo estingiĝas ĉiu lumo, tiel ke ĝi ne plu brile radias, sed staras sen lumo kiel simbolo de tio, kion li ĵus estis dirinta pri ĝi.

Sed iom post iom ekflamas en la Samarianino fajro, kiu ne konas plu retenan katenon, sed fortiregas ŝin al superfluanta feliĉo.

Ho trovita estas la akvo de l' vivo, la akvo, je kiu ŝi soifegis! Savita ŝia animo! La tuta glorbrilo de l' ĉielo kun ĉiaj belegaĵoj malfermiĝas antaŭ ŝiaj ĝojege lumantaj okuloj. Ŝi babiladas seninterrilatajn vortojn, mem ne sciante, kion ŝi diras; nur unu deziregon ŝi sentas, al ĉiuj diri sian nedireblan feliĉon. Li alestas, la forta helpanto, por ŝi kaj por tuta ŝia popolo. Ŝi ja bone komprenas, ke la Mesio volas helpi ne nur al ŝi sole, sed per ŝi al ĉiuj kunlandanoj. Ho, li estas milda kaj kompatema. Ĉe li ne ekzistas ekzilitoj kaj forpelitoj. Li nur deziras bonvolajn animojn kaj pentofaremajn korojn, por ilin konduki al sia regno. Ŝi devas rapidi, rapidegi por publike ekvoki la miraklan sciigon, por laŭte anonci, ke estas aperinta la sanktoleito de l' Sinjoro, ke Dio eklumigis por la tuta homaro la ĉielan sunon de sia kompatema amo. Ŝi devas venigi tien ĉi siajn samurbanojn, por ke ili aŭdu kaj vidu . . .!

Nun ŝi forkuras, lasante sian kruĉon kaj forgesante antaŭentiri sian vualon. Ŝi eĉ ne rimarkas, ke fremdaj viroj venis intertempe, certe anoj de l' Mesio, kiuj ŝin ringardas per esploremaj okuloj. Kio ŝin tuŝas tio? Si estas blinda kaj surda kaj sensenta koncerne eksterajn aferojn, nur plenigita per la unusola emociiga fakto: „La savo de l' mondo estas aperinta! Rapidegante ŝi kuras tra la sunardo. Kristo regardas la forkurantan kun milda rideto, dum li trankviligas la disciplojn dirante tiom pezajn vortojn, ke ilia intelekto nun apenaŭ povas kompreni . . ."

Sed en Ŝihar estiĝas granda tumulto, kiam la virino senspire sin ĵetas en la tagmezan ripozon de la loĝantaro kaj kurante de domo al domo anoncas sian miraklan sciigon: „Venu kaj vidu homon, kiu diris al mi ĉion, kion mi faris. Ĉu ĉi tiu eble ne estas la Kristo?"

La homoj unue ektimiĝas kaj pensas, ke ŝi perdis la intelekton. Poste ili eksurpriziĝas. Unu foriras, unu sekvas, tiam venas du, nun kvar, nun sep kaj fine ĉiuj estas kune kaj marŝas kun la virino al la Jakoba puto, kie atendas la graco. Ili ja ne estas malbonvolaj kaj obstinaj, nur trompitaj kaj nesciaj. Pro tio li venis al ili, kiu kompatas ĉiujn erantojn kaj al ili montras la vojojn de Dio, por ke ili venu en la regnon de l' Patro.

Kaj ili trovas la Mesion, kiel ĉiuj, kiuj lin serĉas sincere! Ili kredas, ili fidas al li kaj estas pretaj fari penton kaj vivon laŭ liaj ordonoj. Ili postulas nenion alian ol ĉiam aŭdi de liaj vortoj pri l' eterna vivo.

Ili fine lin petas, ne preteriri la urbon, sed resti. Volonte li plenumas la peton kaj restas dum du gracoplenaj tagoj ĉe ili. Kiam li fine devas foriri, li benas ilin kaj ili postrigardas lin, dum ili vidas lian blanke briletantan veston . . .

Anglujo: depost la foriro de la irlandanoj: parlamento 5 katolikoj (en diversaj partioj), en senato 35; proporcio 5 : 580; 35 : 710. Katolika partio aŭ bloko ne ekzistas.

Germanujo: entute 89 katolikaj deputatoj; proporcio 89 : 469; inter ili „Centrum" 69, bavaruja popolpartio 20; komuna bloko ne ekzistas, tamen en religiaj demandoj komuna agado.

Francujo: Aparta katolika partio ne ekzistas. La katolikaj deputatoj apartenas al plej diversaj grupoj. Ekzakta statistiko ne estas eble. Komuna bloko aŭ sekretariejo ne ekzistas; la tiel nomitaj „liberalaj grupoj" favoras la katolikan aferon.

Simila situacio en Hispanujo.

En Polujo kaj Hungarujo novaj balotadoj okazos; tiam oni havos ekzaktan informon.

Usono: Aparta katolika partio ne ekzistas; ankaŭ ne komuna politika sekretariejo. Lasttempe N. C. W. C. (National Catholic Welfare Council), la nacia centro de la katolika agado en Washington, starigis propran sekcion por la politika agado, kiu tamen ne alcelas la kreon de katolika partio, sed nur la edukadon de la katolikoj kaj la defendon de la katolikaj aferoj ĉe la registraroj de la apartaj ŝtatoj.

Simila situacio en Suda Ameriko. En multaj tieaj ŝtatoj la katolika vivo mirinde ekfloras. Sed plej grandparte la parlamentoj kaj registraroj ankoraŭ estas gvidataj de liberalistaj framasonoj. La diversaj klopodoj, krei influajn katolikajn aŭ kristanajn partiojn, laŭ niaj informoj ĝis nun ankoraŭ ne havis grandajn sukcesojn.

Rezulto: Kompare al la granda nombro de la katolikoj sur la terrondo (300 milionoj) la efika organizigo sur la politika kampo tute ne estas sufiĉe kompleta. En multegaj ŝtatoj, kie estas granda nombro de katolikoj, nenia ekzistas katolika organizacio aŭ instituto komuna por politikaj aferoj. Tial ni ne miru, se la kontraŭuloj de l' eklezio ofte plej facile en parlamentoj kaj regristaroj sukcese kontraŭbatalas la eklezion. Estus nepre alcelinda, ke en ĉiu ŝtato ekzistu almenaŭ komuna katolika sekretariejo por politikaj aferoj, kiu organizu komunan agadon de la katolikaj deputatoj (kiuj povas aniĝi al diversaj partioj), almenaŭ por religia kaj religie-sociaj problemoj. Do la sufiĉa organizigo de la naciaj fortoj politikaj estas la unua paŝo por efika internacia kunlaborado de la katolikoj.

Tria granda malhelpaĵo estas la disunuiĝo de la katolikoj apartlandaj sur politika kampo. Katolikaj deputatoj troviĝas ofte en la ekstrema konservativa dekstro kaj same en la radikala progresema maldekstro kaj ne rare la unuj akre kontraŭbatalas la aliajn. Se ne estas eble — manke ne sufiĉe kristana kaj tolerema spirito — unuigi katolikajn fratojn enlande almenaŭ por komuna agado en religiaj damandoj, kiamaniere ilin kunigi internacie? Tial ni vidas lastatempe klopodojn per realigi unue internacian kunagadon de samcelanaj grupoj ekz. la parlamentajn grupojn havante similan programon kiel la „popolari".

Plej granda malfacilaĵo fine estas la nationalista spirito, kiu ofte ankaŭ la katolikajn fratojn diverslandajn kruele disŝiras. La moderna nacia egoismo bedaŭrinde forigis preskaŭ tute la belan konsciencon de la mezepoka kristana periodo, ke la kristanaj popoloj estas unu granda familio, kiu solidare devas defendi kaj disvastigadi la Sanktan Eklezion. Nur la viva interna spirito, kiu aliigas la korojn, nur la brulanta fajro de universala amo, elfluanta de la sankta koro de Jesuo Kristo, povas efiki, ke denove estiĝu la „komunio de la sanktoj" sur la terrondo, la spirita bazo de la praktika kunlaborado.

Mi finas. La internacia kunlaborado de la katolikoj sur politika kampo estas urĝa neceseco en la moderna epoko de la internacia kunvivado. La defendo de la sankta eklezio postulas tion; sed ne nur la defendo, sed la universala misia tasko de l' Savinto, realigi ĉie kaj ĉiam kaj senkompromise la principojn de la sankta evangelio. Sed la vojoj kaj iloj por praktike realigi tiuspecan kunlaboradon astas malfacilaj. Unue estas necesa, ke la katolikoj apartlandaj trovu organizojn aŭ institutojn konvenajn al la situacio enlanda. Tiam sendube samcelanaj grupoj kunliĝiĝos al internaciaj laborunuiĝoj, kaj tiamaniere paŝo post paŝo organe kreskos la internacia politika movado katolika kiel speciala branĉo de la universala organizigo de la katolikaj fortoj tutmondaj. Pioniroj de la internacia agado ekstaru, agadu, laboru senlace! Kasparo Mayr.

## Por la katolikaj elmigrantoj!

La moderna evoluo antaŭmilita multe favoris la elmigradon. Centmiloj da homoj pojare postlasis sian patrolandon por serĉi — ĉu pordaŭre, ĉu portempe — novan hejmlandon. La milito tute fermante la landlimojn finis ankaŭ la elmigradon antaŭmilitan.

La milito kreis novajn kialojn por multnombra elmigrado. Multegaj viveblecoj estas detruitaj per milito kaj revolucio. Multnombraj estas la homoj, kiuj nun forrigardas, serĉante en fremdaj landoj la feliĉon, kiun ili perdis hejme. Nur tre malmultaj trovis ĝis nun la plenumon de siaj revoj. La plimulto de la ŝtatoj, kiuj antaŭe estis akceptintaj enmigrantojn, pro la propra ekonomia krizo kaj pro timo de importotaj revoluciemuloj restis fermintaj landlimojn. Precipe ĉe la ŝtatanoj plej elmigremaj la monkrizo malhelpis ĝis nun la realigon de la multekosta plano de l' elmigrado. Izoluloj, kiuj sukcesis forvojaĝi, plejofte ne sukcesis trovi sian feliĉon. Trompitaj de spekulanto, ili elmigris sen sufiĉa preparo, sen financaj rimedoj kaj lingvaj kapabloj, kiuj estas postulataj por tiela entrepreno; malfeliĉaj, malkuraĝigitaj, ja malesperantaj ili devis reveni hejmen, se ili ne mortis pro malsato kaj malsano!

Malgraŭ la ĝisnuna malhelpo de l' elmigrado, pro la jam nomitaj kialoj, oni devas kalkuli kun pligrandigata nombro de elmigrantoj por la venontaj jaroj. Problemo grava ankaŭ por ni katolikoj!

Problemo de l' karita prizorgado! Allogitaj per la revitaj riĉaĵoj de fremdaj landoj per la — bedaŭrinde ofte nur imagitaj! — pli facilaj kondiĉoj de l' vivo, kreskanta nombro da homoj volas riski la danĝeran entreprenon. Ĉu oni lasu ilin al la preskaŭ certa malfeliĉo? Ĉu oni toleru, ke ili, eble jam antaŭ- aŭ dumvojaĝe, tombu en la manojn de nekonsciaj profesiaj spekulantoj, ke ili perdu monon, sanon, eĉ moralon? Ke ili, alveninte en fremda lando malproksime de konatuloj, nekonante lingvon, leĝon, kutimojn de l' fremda lando, estu misuzitaj de profitemuloj, entombu en teruran mizeron? Ĉu oni ne devas sisteme prizorgi, ke ĉiuj estu retenataj en la patrolando, kiuj tie trovas sufiĉajn vivkondiĉojn, kiuj ne havas la necesajn rimedojn por sukcesa elmigrado, ke la malgraŭe elmigrantaj estu gardataj, trovu konsilon kaj helpon ĉiuspecan, ĉu antaŭ — ĉu dum — kaj postvojaĝe, ke ili en la nova hejmlando trovu bonan laboron kaj lokon? Gravaj taskoj de sistema karita prizorgado!

Sed la elmigrado havas ankaŭ alian vidpunkton tre atentindan, nome la religian. Plejofte oni konstatas, ke la postlaso de la kutimaj cirkonstancoj — pro manko de sufiĉe profunda religia konvinko! — ankaŭ laŭreligie forradikigas la homojn. En la elmigrado tio estas des pli grava, ĉar la elmigrinto en la nova hejmlando eble trovas laŭ religie tute alian ĉirkaŭaĵon, ne povas paroli kun pastro, ne kompreni la predikon, ne konfesi en sia lingvo ktp. Do malfacila sed nepreterlasebla problemo de la misio katolika: konsili la elmigrantojn ankaŭ sub la religia vidpunkto, ke ili laŭeble elmigru al loko, kie ili povos plenumi siajn religiajn devojn, zorgi, ke ili trovu religian prizorgadon dum la vojaĝo, ke ili estu tuj akceptitaj de la koncerna katolika parohejo en la nova hejmlando ktp.

Ĝis nun multaj tielaj taskoj nur parte estas solvitaj. Laŭ nia scio ekzistas en kelkaj landoj societoj aŭ komitatoj katolikaj por la elmigrado. La plej grava ŝajnas esti, se ni bone estas informitaj, la societo de S. Rafaelo, kiu precipe en Germanujo (Ĉefsekretario P. Timpe Hamburgo, Besenbinderhof 28) bone estas organizita. Estas dezirinda ke la CAO de Ika ricevu sciigon el ĉiuj landoj, ĉu kaj kiamaniere tie estas organizita la koncerna agado.

Ĉar la elmigrado estas afero, kiu precipe dependas de la internacia kunhelpo; estas grava, ke oni priparoladu la koncernajn taskojn ĉe la internaciaj katolikaj laborkongresoj. Laŭ niaj informoj oni jam iniciatis prepari specialan konferencon ĉe la Luksemburga Kongreso. Mi ĝojos, se delegitoj el plej diversaj landoj interesiĝos pri tiu grava problemo. Ni katolikoj formu vere praktikan internacian familion, en kiu ĉiu katoliko ĉie sin sentas hejme. Dro Rigardemo.

**Kion vi faris??**

por progandi la nunjaran kongreson; por varbi membrojn; por ebligi la financan sukceson.

**Estas urĝa tempo!!**

## Penseto de pensemulo.

Lastsemajne mi aŭdis pri tre stranga okazintaĵo en la Dia regno. En iu urbo de Germanujo vivas tre fervora pastro, kiu en koro brulas servi la regnon de Dio. Precipe li elkore bedaŭras la disunuiĝan ĵaluzion ofte malhelpantan la bonon en katolikaj rondoj. Tial li decidis post detala priparolado kun samcelanaj amikoj aranĝi religian semajnon kaj komunan elparoladon por ĉefaj gvidantoj de la grandaj katolikaj organizoj enlandaj. Ĝenerala aplaŭdo progresigis bone la laŭdindan intencon, sed lastmomente granda centra oficejo katolika deklaris, ke nia pastro ne estas kompetenta, aranĝi tiuspecan konferencon religian...

Do mi proponas, ke Dio estonte demandu la grandajn centrajn oficejojn naciajn, ĉu Li estas kompetenta, doni bonajn ideojn kaj iniciatajn gracojn sen antaŭe elpeti la kunsenton de la naciaj centraj oficejoj. Ofte ŝajnas esti ĉefa tasko de certaj katolikaj institutoj malhelpi por ke ne fariĝu tro multaj bonaj agadoj en la Dia Regno... La pensemulo.

## Interesaj novaĵoj en Esperantujo.

Esperanto marŝas al la fina venko. Pri tio dubas neniu plu. La ĵus okazinta konferenco ĉe la Ligo de la nacioj pruvas tion. Esperanto ne plu estas afero de „kelkaj idealaj izoluloj" (kiel neinformite ofte diras kontraŭuloj). Esperanto estas problemo, pri kiu devas sin okupi la plej altaj instancoj de la mondo. Ne mirinde. Ĉar ni vivas en tute nova epoko de internacia kunagado. Eĉ la terura milito ne povis haltigi ĉi tiun evoluon.

La homo glore venkis tempon kaj spacon. La lokaj distancoj ĉesis esti malhelpaĵoj de internacia interkomuniko. Nur unu granda barilo restas: la diverseco de la lingvoj, kiu staras kiel nedetruebla muro inter komo kaj homo, inter nacio kaj nacio. Sed la muro falos. Esperanto ĝin faligos.

Tia evoluo kaŭzis interesan diskuton en la samideanaro, ĉu Esperanto estonte estu celo aŭ ilo. Ni tute ne volas decidi la problemon, nur konstati la fakton kaj esprimi personan opinion. Unuflanke oni diras: Esperanto estas per si mem grandioza ideo: la interfratiĝa kunhelpo de ĉiuj homoj per unueca helplingvo; do sankta tasko, inda mem esti kaj resti celo. Precipe oni citas la konatajn vortojn de Zamenhof, kiu ĉiam akcentis, ke Esperanto ne estas ilo por egoistaj praktikemuloj aŭ eĉ kapitalistaj sinriĉemuloj; ĉefaĵo estas la samtempa disvastigo de la interna ideo.

Aliaj tamen serioze diras: montru al la homaro, ke Esperanto estas plej taŭga ilo por la internaciaj rilatoj: komerco, scienco, literaturo, politiko ktp., kaj la fina venko estos certa.

Praktike sin montras tia diferenco de opinioj en multaj demandoj. Ĉu poresperanta, ĉu peresperanta agado, organizo, movado, gazeto. Tio estas la problemo.

Sendube ĝis nun la granda plimulto de la organizacioj kaj gazetoj estas kvazaŭ pure poresperantaj, alcelante precipe la disvastigon de Esperanto, raportante ĉefe pri Esperantaĵoj.

Sed senpreĵuĝema observisto devas konstati, ke depost la milito dua etapo de Esperanto-movado estas veninta: la peresperanta epoko. Ĉar peresperantaj organizacioj, gazetoj, institucioj mirinde plimultiĝas. Oni komencas uzi Esperanton kiel ilon por plej diversaj fakoj kaj praktikaj taskoj de la homa agado, same kiel oni uzas presarton por ĉiuj branĉoj kaj partioj sen organizi specialajn porpresartajn organizaciojn. Mi tute ne volas diri per tio, ke poresperanta agado estus superflua hodiaŭ. Ho, tute ne! Sed oni pripense agadu kaj ne klopodu eternigi celadojn, kiuj nur estas necesaj por komenca disvastigo. Praktika ekzemplo. E. T. sendube estas belega kaj utilega gazeto. Ĝi kresku kaj floru! Ĝi estas pure poresperanta. Prave! Sed mi vidas tagon, kiam ekzistos peresperantaj ĵurnaloj — naciaj kaj internaciaj — tute similaj al la nacilingvaj ĵurnaloj politikaj, nur verkitaj en Esperanto...

Eble multaj samideanoj bedaŭras tian evoluon, pensante, ke Esperanto estonte estos misuzata al interklasaj, politikaj, ŝovinistaj, partiaj, religiaj bataladoj, al pure kapitalistaj aŭ eĉ pli malbonaj celoj, kio estus peko kontraŭ la „interna ideo".

Eble ili estas iomete pravaj. Sed ni estu realistoj! Neniam estos eble, tute forigi la diferencojn inter klasoj, nacioj, partioj, religioj. Kontraŭe, ĉiu vere sincera homo estas devigata en sia konscienco, esti misiisto de sia interna konvinko, trovita per diligenta sinpruvo senegoista...

Tamen la „interna ideo" utilos multe. Praktika ekzemplo. Kiam ekzistos naciaj peresperantaj gazetoj, estos facile por ĉiu homo en la mondo legi ankaŭ alilandajn gazetojn politikajn kaj tiamaniere al si formi ĝustan juĝon pri politikaj diferencproblemoj. Hodiaŭ la plimulto nur legas kaj kredas, kion skribas la ŝovinistaj gazetoj enlandaj sen respekti same la rajtojn de la najbara ŝtato. Plue ĉiu scipovante nian helplingvon povas persone interrilatiĝi kun alilandanoj kaj konvinki sin mem, ke ankaŭ ili estas homoj kaj ne la malsatigeblaj ŝovinistoj kiel diras la ŝovinista gazetaro enlanda...

Mi finas per jena penso. La diferencoj de la opinioj kaj interesoj restos. Ĉiu estu misiisto de sia sincera konvinko. Tamen povas venki la interna ideo. Oni nur agadu ĉiam respektante la homindecon, oni agadu laŭ la spirito de vere kristana toleremeco! Oni pripensu, ke la intima sincera konvinko religia, socia kaj politika estas sanktejo, kion oni ne devas tuŝi per malpuraj manoj aŭ malsanktigi per ofendaj vortoj... tiam venkos la interna ideo.

* * *

Ne por juĝi, sed por konstati faktojn mi aldonas kelkajn sciigojn precipe interesajn por katolikaj samideanoj. Pli kaj pli kreskas la peresperanta agado ankaŭ sur la religia kampo. Vi ĉiuj ja konas la fervorajn klopodojn de la „eklezia Esperantista ligo" kun ĝia bela organo „Eklezia revuo". Ĉefa celo estas reunuiĝo de ĉiuj kristanaj eklezioj. Ni katolikoj simpatie salutas tiucelajn klopodojn, postulante tamen la absolutan memstarecon kaj integralecon de la katolika doktrino. Plue nia samideanaro konas peresperantajn klopodojn krei teozofian ligon tutmondan (revuo Espero Teozofia).

Plue mi raportas pri la „sennaciuloj", socialista-komunista movado, kies pure peresperanta organo „Sennacia revuo" en nerespektema tono mokis pri katolikaĵoj. Alia tre interesa novaĵo estas la ekkomencinta peresperanta klopodo de Budhanaj rondoj pere de Esperanto disvastigadi la Budhismon en la mondo. Nove aperanta revuo „La paco" raportas pri tio...

Tiuspecaj peresperantaj klopodoj, kies nombron oni povus plimultigi ĉi tie, sur religia aŭ religiesocia kampo montras jam hodiaŭ la venontan evoluon. Hodiaŭ estas nur semoj kaj junaj plantetoj. Sed venos la tago, kiam estos arboroj kaj arboregoj...

Ŝajnas superflue akcenti la konsekvencon por ni katolikaj. Argus.

# 2ª Internacia Laborkongreso Katolika en Luxembourg.

**30ª julio ĝis 3ª aŭgusto 1922.**

6ª komuniko.

**Urĝa tempo** estas, ke vi sendu vian anoncon por la kongreso. Ĉar alie diligenta preparo por loĝigo ktp. ne estos eble.

**Ĝenerala programo:** Dimanĉe, 30ª julio: solena diverso: posttagmeze: saluta kunveno; eklekto de la prezidantoj ktp.

Lunde ĝis merkrede: la traktadoj de la konferencoj.

Ĵaŭde: solena fina kunsido.

**La konferencoj aranĝotaj:**

La ĉefa konferenco pritraktante la problemon de efika kunlaborado de la katolikoj tutmondaj: la situacio kaj la ĉefaj taskoj de la katolikoj en la apartaj landoj; la internaciaj taskoj de l' Eklezio en la moderna tempo; la perfektigo de tutmonda helporganizacio.

Junula konferenco: La gejunularo kaj la repacigo de la mondo. La realigo de l' internacio de la gejunularo katolika.

Misia konferenco (enlanda misio): la regajno de l' intelektuloj, de la proletariato por l' Eklezio; la katolika misio en Rusujo.

Porpaca konferenco: La mal facilaĵoj de la porpaca movado katolika en la apartaj landoj; praktiktaj taskoj de la movado; la realigo de la kristanaj principoj en la publika vivo internacia.

Elmigrada konferenco: La devoj kaj taskoj de la katolikoj por prizorgado de l' elmigrantoj. La jam ekzistantaj institutoj kaj organizoj naciaj; internacia kunhelpo.

Gazetaro konferenco; la katolika gazetaro kaj la realigo de la katolikaj taskoj tutmondaj; praktikaj vojoj de la kunlaborado.

Esperanto-konferenco. Esperanto kiel ilo praktika por la tutmondaj interesoj katolikaj.

**Listo de la raportistoj** ankoraŭ ne estas definitive fiksita. Interrilatoj estas komencitaj kun granda nombro de pioniroj de la internacia agado. Detalaĵoj en la sekomta numero.

**Atentu:** Anoncu vin tuj! Prizorgu ĝustatempe vian pasporton! La valuto en Luxembourg estas la sama kiel la belga au franca, kiun vi legu en via nacia gazeto.

**Akceptejo** estos preparata en Luxembourg por disdoni la loĝejojn preparotajn.

**Koran dankon** al ĉiuj amikoj, kiuj sendis financan subtenon por la kongreso.

Novaj aliĝoj: O. Walter, Svisujo; K. Kellner, Rumanujo; Otto Barth, Germanujo; J. Denone, Francujo; A. Bartha, Ĉeĥoslovakujo; Pro Szobzinski, Polujo; Fr. Overdorp, Germanujo; Sro Muffang, Francujo; Sro Mattelaer, Belgujo; Sro Schwellenbach, Berlino; Pro Landis, Germanujo; M. Marx, Saar-teritorio (daŭrigota).

# Nova frato.

Antaŭ kelka tempo montris sin ĉe K. M. nova frato, nomita „Katolika Revuo" por religiaj, sciencaj kaj literaturaj aferoj, eldonita de greko-katolika pastro Johano Kosma en Nyircsászári, Hungarujo. Vere ni miris pri la kuraĝo de l' nova frato. En tiel malfacila tempo, kiam pro malgranda nombro de katolikaj Esperantistoj, unu gazeto katolika devas klopodi por daŭre ekzisti finance, vere tio montras kuraĝon. Eble eĉ trokuraĝon! Nia ĝis la lasta tempo tre malfrata frato E. K. iomete vekriis pri la apero de la nova revuo. — Laŭ nia modesta opinio hodiaŭ jam du katolikaj gazetoj estas tro da bono! Ĉar — se ekzistus sufiĉe da konfido kaj de kristana toleremeco — unu des pli granda kaj impona kaj riĉenhava sufiĉus hodiaŭ, ĝis kiam la katolika Esperanto-movado pligrandiĝos sufiĉe.

Sed K. R. ekzistas — kaj ni objektive konstatas, ke laŭenhave K. R. ĝis nun superas la pliaĝan fraton E. K., kui cetere fine sukcesis aperi en kajero seninzulta.

Kion ni dezirus al la nova frato? Ke la katolikoj, scipovantaj Esperanton, tiel plinombriĝu, ke ĝi povu vivi kaj subteni la katolikan agadon. Katolika revuo kaj katolika ĵurnalo povas frukte subteni unu la alian, supoze ke la vivkondiĉoj por du katolikaj gazetoj jam nun estas sufiĉe grandaj. Se ankaŭ K. R. juĝante pri Ika iomete eraris en unu punkto, tamen la programo tute kristana kaj la agadmaniero tute objektiva kaj vere katolika faris senti al ni en K. R. novan fraton.

# Lia Kardinala Moŝto Maffi al la kongreso.

Pere de fervora amiko de nia movado ni ricevis jenan ĝojigan leteron, per kiu la famkonata Kardinalo Maffi salutas la kongreson. Ni legas i. a.

„Ricevinte la sciigon pri la kongreso internacia ... mi rapidis komuniki la novaĵon al Lia Eminenca Moŝto Maffi ...

Lia Eminenca Moŝto, krom esprimi sian propram profundan ĝojon pri la rimarkinda okazintaĵo, min ordonis sendi sian internan aliĝon kun la dezirego por fruktoriĉa laboro por la bono de nia religio kaj de la homaro, kiu sole per Jesu-Kristo kaj l' Eklezio de Li fondita povas havi pacon kaj bonstaton ..."

# Latvio.

(Originala raporto.)

Unua romkatolika misiisto en la limoj de l' nuntempa Latvio estis Meinhard, monaĥo de regulaj kanonikoj en Segeberg, Holŝtinio, en jaro 1180. En 1188 papo Klemens IIIª estis fondinta unuan romkatolikan eparkion, kiu daŭris ĝis la XVIª centjaro. La per reformacio detruigitan katolikan eparkion la Apostola Seĝo renovigis en 1582; tiu daŭris ĝis dismembrigo de Polujo, al kiu latvaj katolikoj politike estis apartenintaj. Post cirkaŭ 150 jaroj da orfaneco ni nun havas propran episkopon, Lian Moŝton Antonion Sprengoviĉs, unuan latvan episkopon, kiun litova helpepiskopo en 1920 sanktigis en vilaĝo Aglono, kie nuntempe troviĝas romkatolika pastra seminareio de Rigo, kaj lia episkopa Moŝto, kiu ĝis nun en ĉefurbo Rigo ne havas sidejon.

En 1201 en la limitoj de l' nuna Latvio estis fondita ordeno de glavfratoj (Schwertritter) por defendi katolikan kredon; en la tempo de l' reformacio la nomitaj fratoj luteraniĝis, rabigis preĝejajn bienojn. Cirkaŭ kvar centjaroj laikiĝintaj monaĥoj kaj iliaj idoj uzis la preĝejajn bienojn. Fine nun leĝeldonanta kunveno sociigis la bienojn kaj disdonis al vilaĝanoj.

Por ĉiu paroĥia preĝejo oni reste lasis 50 ha da terbieno, al novorganizitaj 12 ha, al seminario episkopa cirkaŭ 300 ha.

Per leĝeldonanta kunveno (konstituanto) la eklezio estas disigita de la ŝtato, nenia oficiala ŝtata religio en Latvio de tiu-ĉi tempo ekzistas. Projekto de tre bonfarigema konkordato inter Vatikano et Latvio, kreado de Latva kolegio en Romo, pagado de salajro al pastroj verŝajne en nunaj cirkaŭaĵoj estos longjara revo.

Ĉe la pastra seminario estas organizita malgranda seminario (real-gimnazio), de kiu la 1ª kaj 2ª preparaj klasoj jam la duan semestron ekzistas. En eparkio estas fonditaj katolikaj elementaj lernejoj. Aliaj lernejoj estas miksaj por diversaj kreduloj kaj malkreduloj. Sed judoj havas proprajn konfesiajn elementkaj mezlernejojn, al kiuj la registaro pagas sufiĉan monrimedon. Katolikoj tre klopodas pri katolikoj konfesiaj lernejoj, sed ĝis nun malsucesplene. Religiaj lecionoj en miksaj lernejoj estas permesitaj.

Antaŭ cirkaŭ du cent-unu centjaroj tie-ĉi sukcesplene loĝantaron misiigis Jezuitoj kaj Dominikanoj, sed nun bedaŭrinde en Latvio nenia ordena organizo, nek monaĥa nek monaĥina, ekzistas. El 1,500.000 da loĝantaro cirkaŭ 450.000, estas katolikoj; la Riga eparkio nuntempe posedas 150 pastrojn.

Ofte paroĥejoj, posedantoj ĝis 8000 da katolikoj havas nur unu junan pastron.

El katolika provinco — Latgola — en latva leĝeldonanta parlamento estas kvar katolikaj deputatoj kaj 17 progresistoj, kiuj tempe iom al katolikoj helpas, tempe iom malhelpas. Z. P.

# El Romo kaj l' Eklezio.

Kiamaniere oni prijuĝu laŭpolitike la konferencon de Ĝenovo, tion oni devas konfesi, ke tie oni decidas pri la grava problemo: perforta aŭ repaciga paco. Kiam la venko de la perforta ideo ŝajnis certa, tiam la Papo ekprenis la iniciaton skribante al la kardinala ŝtatsekretario la bonkonatan leteron tiuj publikigitan, kiu tamen laŭenhave rekte estis adresata al la konferencanoj. Per tute klaraj vortoj la Papo la tutan pezon de sia religia kaj morala aŭtoritato uzas por la repaciga paco kaj la ĝoja aplaŭdo, kiun la letero trovis en la tutmonda gazetaro, pruvas ke la popoloj komprenis la veran sencon ...

Cetere la Papa letero samtempe pritraktas la ĉefan problemon de la konferenco: la rusa demando, la problemo de la orienteŭropaj popoloj ...

En ĉi tiu rilato ĝi sendube estas subteno de la rusaj delegitoj kaj Litvinow tion danke rekonis. Ni eble ne eraras opiniante, ke instiga kialo de la Papa letero estis ankaŭ la intertraktadoj jam de kelka tempo komencitaj kun la sovieta registaro, kiuj alceladis garantii la necesan liberecon al la pastraj delegitaroj senditaj de l' Vatikano por alporti helpon al rusaj malsatuloj. Aliajn celojn oni ne volis atingi. La fantaziaj komunikoj de multaj gazetoj kaj agentejoj, ke la Vatikano kontraktos „konkordaton" kun la sovieta registaro aŭ pere de la bolŝevistoj alcelu la reunuigon de la ortodoksa eklezio estas tute eraraj ...

Koncerne la nomitajn delegitarojn estas certe, ke la Jesuitoj havos la teritorion de Mezorusujo kun Moskovo; plue oni azertas, ke la nordan zonon vizitos Salesianoj de Don Bosco, la sudan parton la Steylaj misiistoj (societo de la Dia vorto) ...

Ĝis nun la donacoj transdomitaj al Vatikano por la malriĉuloj de l' militoj laŭ la lasta sciigo atingis la sumon de 14,826.261, 74 liroj.

La portugala registaro, kiu ĝis nun inklinis al persekuto de l' eklezio, ŝajne komencas pli bonvolan agadon.

La franca ambasadoro ĉe la Vatikano Sro Jonnart el personaj kialoj resignis je sia posteno ... v. L.

# La religia problemo de l' Oriento.

La konferenco de Ĝenovo finis. La praktikaj politikaj kaj ekonomiaj rezultoj estas hontinde malgrandaj. Kompare al la granda pompo kaj al la seriozaj penadoj de la instigantoloj la efika sukceso estas ridinda. La bankroto de la ĝisnunaj politikoj kaj diplomataj metodoj denove estas klare montrita. La tuta orienta problemo politike kaj ekonomie restas malsolvita. La sola morala sukceso estas nur, ke unuafoje ĉiuj eŭropaj ŝtatoj samrajtigite povis partopreni komunan konferencon ...

Tamen la konferenco povas havi grandan signifon por la spirita evoluo de Eŭropo. Ĉar la gravaj paŝoj de l' historio ofte fariĝas malkaŝe, neremarkite. La religia problemo de l' Oriento sendube estas la plej signifa por ni katolikoj. Ni jam raportis pri la intertraktadoj de l' Vatikano pri helpa organizo en tuta Rusujo. Intertempe oni publikigas sciigojn pri pluaj elparoladoj inter Msgro Pizzardo, delegito de l' Vatikano, kaj la sovieta delegitaro. Ŝajne la rezulto estis bona. Precipe la sovieta registaro kunsentis, ke libereco de l' konscienco kaj kredo estu garantiita al ĉiuj loĝantoj de la sovieta respubliko. Sendube la reveno de la orientaj fratoj al Roma eklezio unue estos efiko de la Dia graco, due de saĝa senpolitika, nur religia misiigo. La malfacilaĵoj estas multaj kaj grandaj; dekjaroj, eble centjaroj da prudenta laboro estos nenecesaj. Tamen oni povas esperi, ke nova maternuĝo eklumas je la orienta ĉielo. La pordoj de l' Oriento malfermiĝos ... Or.

# El ĉiuj landoj.

**Usono.** Tre interesa okazintaĵo estas komunikinda. Kiam antaŭ kelke da tempo ekkomencis la granda striko de la ministoj kun pli ol duonmiliono da strikantoj, la N. C. W. C. (nacia centra oficejo katolika) energie defendis la laŭprincipajn rajtojn de la laboristaro. Jam antaŭ la komenco de la striko N. C. W. C. precipe akcentuis, ke la justaj postuloj de la ministoj rilate al la salajroj certigantaj homindan ekzistadon, la starigo de devigaj tarifoj, la kreo de arbitraciaj tribunoj inter laboristoj kaj kapitalistoj kaj rilate al konvena partopreno de la laboristoj je la direktado de la grandaj entreprenoj estas konforma al la kristana moralo. Kaŭze de la grando ekonomia krizo la enspezoj de la laboristoj plej parte estas tiel malgrandaj, ke ili tute ne povas vivi hominde — — — kaj tio en dolarujo, kie estas amasata la oro de preskaŭ ĉiuj landoj de l' mondo, bedaŭrinde nur en la manoj de kelkaj cent aŭ mil da homoj. La Red.

**Germanujo.** Laŭ lasta oficiala statistiko la religia vivo en Germanujo montras jenan bildon por 1920: Entute 10.814 paroĥioj kun 19.000 pastroj; 583.248 infanoj estis baptitaj; 476.389 unuaj komunioj; 12 milionoj plenumis la paskan konfesion (kie restas la aliaj 8 milionoj?); eniroj de konvertintoj 9351; ekziĝoj 44.633. — Alia statistiko oficiala: la germana armeo havis en la tuta milito 1,808.255 mortfalintojn, 4,246.779 vunditojn: do en ĉiu aparta tago de l' milito (entute 1623 tagoj) 1114 mortfalintoj kaj 2616 vunditoj; aŭ en ĉiu horo 46 mortfalintoj kaj 109 vunditoj. La tuta nombro de la militpartoprenantoj estis 13 milionoj; do ĉiu sepa soldato restis sur la kampo de l' milito ... kaj la tutmonda armeo?

**Hispanujo.** Antaŭ unu monato la episkoparo dissolvis la unuecan nacian organizon katolikan, nomitan „juntes". Oni havis la intencon, kunigi la katolikojn en granda unueca kultura kaj politika organizo nacia laŭ ekzemplo de la italaj aŭ germanaj katolikoj. Sed ĉar ne estis eble, unuigi la plej diversajn direktojn inter la katolikoj, oni ne sukcesis. Alia tre grava okazintaĵo estas la komuna alvoko de la episkoparo pri justa solvo de la sociaj problemoj plej urĝaj laŭ laŭ principoj kristanaj. Ĝenerale oni vidas tre belan ekfloron de la katolika vivo en multaj rondoj kaj cirkloj.

# Atentu.

Jus ni ricevas informita flanko en Luxembourg la komunikon, ke la idistaro minacas realigi grandan agadon kontraŭ Esperanto por malebligi ĝian uzon dum la kongreso. Plej efika kontraŭagado; venu kaj montru per multnombra alestado, ke la Esperantistaro estas granda forto en la katolikaro. Sankta devo, ke vi venu kaj agadu!

# Internacia poŝto.

Sro K., Nederlando. Vi miras, ke ni ne pli ofte publikigu leterojn de episkopoj al Ika. Ne mirinde! Aŭdu: komence ni pli ofte publikigis tiuspecajn leterojn — sed „bonaj katolikoj" profitis de tio, por sendi kalumniojn pri Ika al la episkopoj. Ĉu tio sufiĉas? Katolika honto!

Sro St., Germanujo. Pri samcelanaj movadoj, ankaŭ tiu de Dr. St. ni raportos detale en sekvonta numero. Kompreneble ni estas pretaj frate kunlabori. Cetere nenia samcelana movado havas oficialan kaj definitivan aprobon, kio estas tute natura. Ĉar la Apostolo Seĝo tiel gravajn entreprenojn nur aprobas definitive post longdaŭra sinproviĝo. Tio estas laŭ niaj tute kompetentaj informoj la opinio kaj kutimo de l' Vatikano.

Sro N., Italujo kaj pluraj Moka-anoj: Havu paciencon. En la mapo de l' redaktoro estas granda amaso de manuskriptoj nepublikigitaj. La nepublikigo tute ne estas juĝo pri taŭgeco de l' enhavo. Sed se ni volus publikigi ĉion ni devus havi 20 paĝan gazeton semajnan. Do prizorgu, ke la nombro de l' abonintoj pligrandiĝu.

Sro St., Polujo. Vi estas tute prava. Se ni komparas la komunistan gazeton „Sennacieca revuo", 16 paĝa, grandformata, bonpapera, ĉiumonata, estas honto por ni katolikoj, ke ni ne havas simile belan, bonpaperan, pligrandan gazeton. Sed la kialo? La disunuiĝo, kutima afero ĉe la katolikoj, la indiferenco, la dormemo — oni lasas labori kelkajn, la aliaj legas, kritikas ... La gazeto estas en la mano de la legantaro; ni nur estas modestaj servistoj.

# Anoncetoj.

La kostoj por unufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la prezon de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.

Kiu kunhelpos konstruii preĝejon en la vilaĝo Wisterschan apud Teplitz-Schönaŭ, Ĉeĥoslovakujo. Por monsendo akceptu nian antaŭdankan. Theodoro Heiserholt, kateĥisto, Teplitz-Schönaŭ.

Sro Emil Pfohl en Arnaŭ, Bohemujo (Ĉeĥoslovakujo), deziras korespondadi kun gesamideanoj ĉiuj landaj. Mi ankaŭ kolektas bildkartoj kaj poŝtmarkoj; respondon certe.

Frant Lisý en Kladno, Stulcova 109, Bohemujo (Ĉeĥoslovakujo), deziras korespondadi kun samideanoj el ĉuj landoj krome ĉeĥoslovakoj kaj najbaroj por perfektigi korespondadon en Esperanto.

Sro Josef Seelig, Wien, XIX., Krottenbachstraße 54, deziras korespondadi kun samideanoj el la tuta mondo.

Ĉiuj samreligianoj, kiuj sendos ĉ. 30—50 poŝtmarkojn maloftajn de sia lando, certe ricevos same tiom da belaj hungaraj poŝtmarkoj. Popp Zoltan, Miskolcz, Szentpéteri kapu 29/a, Hungario.

Sro W. Mudrak, Wien, XV., Gebr. Lang-Gasse 7 (Aŭstrujo), deziras korespondadi kun samideanoj el la tuta mondo pri mondpaco (germane, ĉeĥe kaj esperante). Mi respondas certe.

Sro Anatolio Volohov en Tambov, Kambarovskaja 48 (Rusujo), deziras korespondadi kun gesamideanoj el ĉiuj landoj pri diversaj temoj.

Sro Heinrich Rhein, Mainz (Germanujo), Hopfengarten 4, interŝanĝas poŝtmarkojn kun samideanoj el ĉiuj eŭropaj landoj. Valoro laŭ Senf aŭ Michel.

Sro Herm. Andris, komercisto, Oberried, Breisgaŭ (Germanujo), interŝanĝas poŝtmarkojn, bildkartojn kaj deziras korespondadi (Esperante, germane, itale, france, angle) pri ĉiaj demandoj.

Sro A. Marinovič, VI, zandarm. brigade Split, Dalmacija (Jugoslavujo) deziras korespondi kun samideanoj el ĉiuj landoj, precipe kun fraŭlinoj.

Sro Pedro Juarez Cano, Santa Clara, Apartado 148 (Cuba), deziras interŝanĝi poŝtkartojn, poŝtmarkojn, fotografaĵojn kun samideanoj el la tuta mondo. Li sendas de Cuba.

Sro Józef Bulski, Warszawska 59, Częstochowa (Polujo), deziras korespondadi per poŝtkartoj ilustritaj kaj interŝanĝi gazetojn kaj poŝtkartojn ilustritajn (bfl).

Sro Mieczysław Chyra, Stodolna 14, Częstochowa (Polujo), deziras korespondi per poŝtkartoj kaj leteroj.

Sro Władysław Gawenda, Mirowska 6, Zawodzie-Częstochowa (Polujo), deziras korespondadi per leteroj kaj poŝtkartoj.

Poŝtmarkkolektantoj atentu! Mi interŝanĝas poŝtmarkojn kun la tuta mondo, sendu al mi poŝtmarkojn kaj mi ankaŭ sendos belajn hungarajn poŝtmarkojn. Németh László, Miskolcz, Minorita rendház, Hungario.

Sro Jos. Knytl, komercisto en Nové Město, Metuji, Ĉeĥoslovakujo deziras interŝanĝi poŝtmarkojn kaj poŝtkartojn ilustritajn.

Sro Jan Kuban, Plzeň, Jagelonská 9, Ĉeĥoslovakujo deziras interŝanĝi leterojn.

Mi deziras korespondadi en Esperanto kun samideanoj el ĉiuj landoj, precipe kun kolektant(in)oj de poŝtmarkoj kaj kartoj ilustritaj. Sro Kazimierz Welz, seminariano, Seminario, Pomoranujo, Polujo.

Estro de la 3a ordo de s. Francisko deziras sciiĝi pri la agado kaj disvastiĝo de l' ordo en aliaj landoj. Frideriko Stelkens, Breberen, poŝto Gangelt (Rheinland), Germanujo.

Kiu deziras korespondadi kun gesamideanoj el Chojnice bonvolu skribi al Sro K. Majorkiewicz, instruisto en Chojnice (Polujo), Pt. Krol, Jadwigi 2.

Aŭstralio: Korespondadi deziras kun katolikaj samideanoj ĉiulandaj l., p. K. p. m. Patrik Leahy, 36 Royal st., East Perth, West-Aŭstralio.

Mi deziras korespondadi kun seminarianoj de la tuta mondo. Joan Font Giralt, stud. teol., Ĉefdelegito de Moka. Seminario. Girona (Hisp.-Katalunujo).

Sro J. Bernhard, München 12, Guldeinstraße 32/I. R. — deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn (prefere preĝejoj, monumentoj) bfl. Poŝtmarkojn (mi ne sendas antaŭe) kun la tuta mondo.

Sro Józef Zakszewski, Częstochowa, „Czestochowianka" Polska deziras interŝanĝi postmarkojn kaj poŝtkartojn ilustritajn.






























Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz. — Presistejo: „Styria", Graz.